# Aŭstraliaj Esperantistoj

**Novaĵa Letero** de **Federacio de Aŭstraliaj Esperantistoj**

NI SENDAS AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KUN KONATA RETADRESO

8/08/2012 Sesdeksepa Eldono 2012 08/08/2012 SENDITA


Tiu ĉi letero havas “hiperligilojn” al retpaĝoj KLAKU! KLAKU! KLAKU!

Sendu novaĵojn, leterojn, informojn al Roger Springer rspring@tpg.com.au;

Provlegita de Nicole Else

La informa kaj noma paĝoj nur aperos en la dekaj eldonoj

Esperanto is the language equivalent to the metric system

## GRAVAJ DATOJ (se estas eraro, informu min. rspring@tpg.com.au)



La AEA-jarkongreso okazos en Brisbano 28 septembro ĝis 1 oktobro 2012,

La AEA-somerkursaro en Sidnejo estos 11 ĝis 28 januaro 2013.

## KLUBNOVAĴO









### MANLY ESPERANTO CLUB

Havis 6 ĉeestantojn sabaton la 4an de aŭgusto 2012

## La lecionoj de E125 kaj Esperanto ĉe universitato QLD

Eble iuj el vi vidis mian artikoleton en la lasta eldono de ESK pri esperantaj lecionoj, kiujn AEA ofertis al la publiko okaze de la 125a datreveno de Esperanto (E125). AEA invitis plurajn universitatojn, ambasadejojn kaj membrojn de AEA lerni Esperanton dum 125 tagoj aŭ tute sole pere de kursoj ĉe http://lernu.net aŭ per lernu.net kun helpo de AEA. Ni scias, ke kelkaj universitatoj ja transdonis la inviton al siaj staboj kaj



studentoj kaj Hazel Green kaj Jennifer Bishop persone prezentis Esperanton al multaj homoj en siaj urboj. Fine, 43 homoj kontaktis AEA/Hazel/Jennifer por lerni Esperanton kun helpo de AEA kaj al tiuj AEA sendis skizon de rekomendindaj kursoj kaj helpiloj ĉe lernu.net kaj plue leterojn kun aliaj helpiloj de tempo al tempo dum la 125 tagoj.

Mi opinias, ke la lecionoj okaze de E125 estis sukcesaj, sed verdire tio ne estas la grandega novaĵo, pri kiu mi volas raporti al vi! Dank' al la kontaktoj, kiujn Dianne faris organizante invitojn por la E125-aj lecionoj kun la Universitato de Kvinslando (UQ), kurso de Esperanto estos ofertata ĉe la universitato...!!! La rakonto pri tio estas sufiĉe longa, sed la Instituto de Modernaj Lingvoj (IML) ĉe UQ ofertos al la publiko 6-semajnan kurson de baza Esperanto en Januaro/Februaro 2013 kaj mi estos la instruistino.... TimEGe por mi, sed samtempe honorEGo! La pasintan dimanĉon (la 5an) okazis "Open Day"-- tago kiam la publiko povas libere eksplori la



universitaton-- kaj IML ofertis senpagajn " prov-lecionojn" en 3 lingvoj: la franca, la ĉina kaj Esperanto...! Mi kaj Hazel Green instruis du prov-lecionojn kaj entute 17 homoj partoprenis! La lecionoj glate iris kaj ni ricevis multe da bonaj komentoj pri Esperanto! Mi dankegas al Hazel Green por ŝia helpo kaj al Dianne Lukes por aranĝo de la afero. Mi antaŭĝojas (kaj honeste antaŭtimas--- AHHH!) instrui Esperanton ĉi-somere kaj esperas, ke Esperanto havos multe da similaj sukcesoj tra la lando (kaj mondo) estontece. :) GO UQ!!!

~ Crystal Hill, Direktoro de Membraj Servoj servoj@esperanto.org.au (aŭ pli bone nighstar@gmail.com) 06/08/12

### Vera Payne skribas

*Gratulojn al Nicole, kiu sukcesis publikigi sian belan leteron en sidneja gazeto .*
*Mi ankaŭ  tre ĝuis la bildon de la soifa bebo (ĉu ĉokoladan lakton ĝi celis?).*
*Kaj precipe estis kontentige vidi la vizaĝon de Olivier Tzaut, kies kasedon mi jam de longe posedas; fakte, mia koro krevas je "Matenkanto" (sopirega suspiro).*
*Mi ankaŭ trovis kaj aŭskultis el la kroata "Marijano", kiun mi unue kantis (ne bele, sed kore) antaŭ pli ol sep jardekoj :)*
*Dankon al la kontribuantoj de la supraj, kaj kompreneble dankon ankaŭ al nia nelacigebla eldonisto, Roĝero.*
Vera

# Universala Kongreso en Hanojo



Sandor sendas foton de antaŭkongreso

# Sandor Horvath skribas pri la Hanoja UK

Mi ĵus revenis de la Hanoja UK. Mi decidis tuj surpaperigi kelkajn impresojn, sentojn kaj pensojn antaŭ ol ili malaperas en la mallumo de la historio.

* Mi neniam vidis tiom da motorcikloj. Je la komenco mi timis ilin, sed finfine mi eĉ prenis motorciklan taksion, …. kaj fakte ĝuis la vojaĝojn, sidante malantaŭ la ŝoforo.

* La LKK sukcesis havi multajn flagojn kaj banderolojn tra la tuta urbo. En la Kongresa Kuriero oni parolas pri 1,000. Ili vere sukcesis fari la kongreson videbla.



* Bedaŭrinde la nombro de partoprenantoj estis nur iomete malpli ol 900. Kompreneble tio estis desaponta.

* Mi estis pozitive surprizita vidi Marcel, lian filon Robert kaj ankaŭ lian nepon. Do tri generacioj.



* 13 Aŭstralianoj partoprenis.

-Jonathan Cooper prezentis brilan, interesan kaj pensprovokan prelegon pri "Moderna Arto". Petu lin ripeti ĝin por vi aŭ via grupo.

-Trevor Steele prelegis (rakontis?) pri la Tasmaniaj Aborigenoj. Ankaŭ petu lin, aŭ aĉetu lian libron "Paradise Stolen"



-Jenny Bishop sukcese prezentis la projekton de Penny

-Penny mem fariĝis estrarano de ILEI dum la ILEI kongreso dum la antaŭa semajno. Ni gratulas.

* Mi sukcesis konvinki mian filinon Petra partopreni la kongreson kaj ŝi komencis lerni en la klaso de Katalin Kovacs.



* Vere tuŝis min la entuziasmo de la vietnamaj junuloj.

* La ekskurso al Halong Bay estis turisma, sed ne tiel kiel mi anticipis.

* Partoprenis 14 personoj el Indonezio. (Pli ol el Aŭstralio!!!). Estis bonega novaĵo aŭdi kaj legi ke Esperanto vere evoluas. Krome, ili prezentis belegan dancon dum la internacia vespero. Eble iam ankaŭ la aŭstralianoj povus prezenti ion?

Pensu pri partopreno al ilia unua Esperanto Kongreso en Indonezio venontjare (19 – 22 aprilo) en Bandung (https://sites.google.com/site/iek2013bandung)

Ankaŭ la malnova ideo starigi unu de niaj somerkursaroj en Indonezio estis diskutita.

Kion VI pensas?

* Mi tre ĝuis aŭdi pri diversaj sukcesaj agadoj tra la mondo. Tiuj raportoj vere donas al mi energion kaj iom da entuziasmo.



La urbeto de Mazara del Vallo en Sicilio “adoptis” Esperanton kaj nun ĝi estas instruata en la lernejoj de la urbeto. (Legu pli en “Esperanto” – Marto 2012).

Ĉu eble ekzistas simila loko en Aŭstralio?

Hieraŭ mi filino Petra diris al mi ke ŝi kredis ke Esperanto ne vere funkcias, sed nun ŝi scias, ke ĝi ja funkcias.

La UK estas nia plej granda kaj varia evento kaj tiu kongreso, same kiel la ses, kiujn mi ĉeestis, plezurigis, revigligis kaj kuraĝigis min.

Se vi havas la tempon, rimedon kaj energion partoprenu 2013 en Reykjavik, 2014 en Buenos Aires, kaj en 2015 la 100-a UK, verŝajne en Francio.

Jonathan Cooper en Hanojo……. .



La lokaj Esperantistoj

## ALAN BISHOP KONDUKIS

Vendredon okazis Internacia esperanto-Ĥoro dum la kongreso en Hanojo. Alan Bishop estis la kondukisto.

Amike, Nicole

Mi demandis al Renato Corsetti, ĉu li vidis Marcel en Hanojo kaj Renato respondis:



"Mi eĉ igis lin prelegeti en la kunveno de Tutmondeca Esperanto. Amike, Renato"

Amike, Nicole

## LA NOVA ESTRARO 2012-2014

| | | |
|---|---|---|
| Sandor Horvath | Prezidanto | vidu AE50, 57 |
| Gordon Coleman | Edukado | vidu AE50, 51 54 55 57 59 |
| Indrani Beharry-Lall | Financoj | vidu AE50, 57 |
| Kam Lee | Administrado | vidu AE50 |
| Heather Heldzingen | Servoj | vidu AE59 |
| Margaret Chaldecott | Promotion | vidu AE61 |
| Max Wearing | Implementation | vidu AE65 |

**Ĉar estas nur unu kandidato por ĉiu posteno, voĉdonado ne necesas.**

AEA total assets 30 Jun 05 **$321,877.35c**

AEA total assets 30 Jun 12 $???,???.??c

Ĉu iu povas sendi informojn pri 2011 aŭ 2012 al ni?



Detalaj Informoj pri la **nuna situacio** de The Strategic Plan 2008" "Apprenticeship Language Learning" "Membership" Financoj, ktp
donos bazon por juĝi la agojn de la venonta estraro.
**De kie venos detalaj raportoj?**

**Vortoj de "Lernu"** Plenigaĵo de paĝo

DEFINITIVA
Tia, ke oni ne plu povas ion ŝanĝi en ĝi, lasta, finofara:
Definitivan respondon mi sendos post dek tagoj.
Definitivaj kondiĉoj de kontrakto.
Ĉu tio estas definitiva eldono de libro?
Tio estas definitiva prezo.
Definitivigu la liston de mendoj.
Ni devas definitive fini la diskuton.